L A V E R D A L U P E O

F E N I K S O

N-ro 35 31.8.1976 Sepa jaro n-ro 1.

## A L V O K O al E.L.F. - A R E K anoj.

Dum 1976a, nia gazeto ne povis aperi laŭplane pro troa okupeco de nia redaktoro, Antonio de SALVO.

Post iom da diskutado, ni donis la taskon al nia amiko R.MELO redakti la gazeton " LA VERDA LUPEO -FENIKSO.

Mi esperas ke ni helpu lin pri la redaktado per artikoloj, ktp... Li estas sperta filatelisto, sed bezonas helpon rilate al glumarkoj, insignoj kaj poŝtstampoj.

E.L.F. -- A R E K

Ivar PAULSSON Prezidanto.

---

Karaj Geamikoj,

Sekve la supran alvokon de nia Prezidanto, kiu respondis favore al mia propono, mi do akceptas redakti nian gazeton.

Malgraŭ ke mi estas konata de multaj el vi, mi devas prezenti mian programon.

Unue mi devas konstati ke nia faka movado enhavas la plej diversajn kolektantojn, tiuj kiuj kolektas nur esperantaĵojn kiel Esp.glumarkojn, Esp-insignojn, Esp-poŝt-stampojn ktp., kaj tiuj kiuj kolektas ĉiajn kolektindaĵojn kiel poŝtmarkojn, bildkartojn, monerojn, monbiletojn ktp

Por la kolektado de la esperantistaĵoj , kiel la ĉefaj esperantistaj gazetoj ne regule informas siajn legantojn, ni do devas informi regule niajn membrojn pri ĉio kio aperis kaj eventuale aperos , estas do absolute necese ke ni havu konstantajn rubrikojn pri tiuj temoj , kiel mi mem ne spertas pri tiuj ĉi , mi varme alvokas la spertajn anojn liveri regule al mi dokumentitajn artikolojn por kontentigi niajn legantojn kaj plenumi nian celon.

Pri la aliaj kolektindaĵoj , kiel ni estas ĝenerale informitaj en niaj landoj mem dank'al al speciala gazetaro, kiuj pritraktas ĉefe filatelon, numismatikon k t p . nia celo estas faciligi la interrilatojn de nia anaro , pro tio , mi proponas ke ĉiu el niaj membroj rajtus enpresigi en nia gazeto , anonceton por diskonigi siajn interŝanĝ-dezirojn , ekzemple trilinia anonceto pojare .

Nia devizo estas "" informi kaj servi "" .

Ni povas ankoraŭ servi nian anaron diversmaniere ,

- permesante al ĉiu ricevi la novaperintaĵojn

ekzemple : ke unu el ni akiru pogrande la novajn esperantistajn glumarkojn por poste ilin disdoni al la interesatoj kontraŭ nur la pago de la elpezoj (aĉet-kosto plus afrankkosto ) , same por la aliaj esperantaĵoj kiujn oni povas sendi perpoŝte .

por la filatelistoj , ni bezonas varbi en ĉiu lando sindoneman membron kiu povus regule sendi al la interesatoj la novaperintajn poŝtmarkojn je la nominala prezo plus la sendkostoj , la petitaj poŝtmarkoj devas esti antaŭe pagitaj komprenebla .

Ne devas konkrete pruvi al la neesperantistoj ke nia helplingvo estas kapabla utile servi siajn kolektantojn , ĉar la praktika uzado de esperanto estas tre certe la plej bona metodo por montri ĝian realan valoron , ke ni ne forgesu tion .

Ni do atendas senpacience viajn konkretajn proponojn sugestojn kaj ni ŝatus scii kiamaniere ni povus helpi vin por eventuale kaj zorge klopodi por solvi viajn personajn problemojn .

Respondu akurate al :

R. M E L O , 34 Avenue de Russie F.03700 BELLERIVE sur Allier . Francio .

-----

P.S. Ni dezirus aperigi nian venontan bultenon je la fino de Oktobro 1976a , do respondu sufiĉe rapide por ke ni povu plenumi nian promeson .

++++++++++++++++++

P R I la titolo de nia bulteno .........

ni preferus por bone konkretigi nian vidpunkton ke la nomo de nia gazeto speguligu reale nian aktivecon , mi do proponas , kiel ni estas ĉiuj esperantistaj kolektantoj , ke ni uzu kiel titolon "" LA ESPERANTISTA KOLEKTANTO 'n " titolo kiun mi mem kreis antaŭ kelke da jaroj por eldoni gazeteton , kiam en 1935a , mi komencis eldoni gazeton por la esperantistaj filatelistoj, mi kreis "" La Esperantistan Filateliston .

Cu vi akceptas tiun sugeston ?

R.M.

---------

N I I N V I T A S niajn membrojn ........

respondi al la jenaj demandoj :

Kiajn kolektindaĵojn , vi kolektas ?

detalan respondon ni deziras .

Cu vi povas redakti rubrikon pri preferita temo ?

Cu vi deziras interrilati kun samkolektantoj ?

Cu vi akceptas reprezenti nian asocion en via lando ?

Ĉe via landa asocio ?

Respondu la plej eble rapide .

Antaŭdankojn .

al nia redaktoro .

E S P E R A N T I S T A   K O L E K T A N T A
C E N T R A   I N F O R M E J O — E.K.C.I. -

senpage enregistrigas ĉiujn esperantistajn kolektantojn

Liveras kontraŭ DU internaciaj respond-kuponoj adresojn de esperantistaj kolektantoj .
Precizigu nur viajn interŝanĝdezirojn .

En ĉiu lando , ni deziras varbi sindoneman reprezentanton , petu klarigojn kontraŭ unu respond-kupono al la fondinto kaj respondeculo :

R.MELO , 34 Avenue de Russie ,F.03700 BELLERIVE S/Allier
Francio .

P.S. Nia antaŭ Tutmonda Esperantista Kolektanta Adresaro entenis preskaŭ I400 adresojn de Esp.kolektantoj , nia nova reorganizita sliparo enhavas jam I6I adresojn , sed de nun , ni postulas ĉiujaran renovigo de la registrigo por ne sendi senvalorajn adresojn al la petantoj .

Kolektu la adresojn de seriozaj Esp-kolektantoj por ke ni registrigu ilin kaj anka. ilin informu pri la ekzistado de nia Asocio .

++++++++++

Pri e s p e r a n t i s t a j
i n s i g n o j .........

en la 5a bulteno de la klubo de kolektantoj de Esperantistaj insignoj , kiu estas eldonita de S'ro Vla . HAVALA p.s. 8 , CS.696 62 STRAZNICE Cekoslovakio , ni elĉerpis la jenajn informojn :

B o z k o v - 2.sraz 1974. Ligna insigno kun verda rubandeto kaj ambaŭflankaj desegnoj en verda koloro. Detaloj pri la renkontiĝo en Bozkov ne estas al ni konataj. Kiu scias, informu nin pri ili.

J a b l o n e c nad Nisou 1975. Rondforma insigno el plasto kun la teksto:"Kilometroj de la paco kaj amikeco - Jablonec n.N."Meze packolombino kaj verda E.ste-

lo. Dato – domaĝe – ne indikita. Broĉo.

B r a t i s l a v a 1949. Kartona insigno por la partoprenantoj de la III-a Ĉeĥoslovaka Esperanto kongreso de la 30.VII. ĝis 1-a VIII.1949 en Bratislava. Sur la bildo la kastelo de Bratislava kaj verda E.stelo.

B r a t i s l a v a 1970. La dua kongreso de la reorganizita Esperanto movado en Slovaka socialisma respubliko okazis en Bratislava 1970. La grandformata insigno estas farita el tre maldika bronzkolora lado. La reliefa desegno prezentas simbolon de Bratislava – la Kastelon, sube ondoj de Danubo kun ŝipo kaj duono de ankro dekstre. La teksto: 2-a kongreso de AE SSR – 29.7. – 31.7.1970. Sen pinglo.

A t e n o – Greklando 1973. La insigno de la oficiala postkongreso en Ateno – grizkolora metalo kun verda surpreso de atena Akropolis. Broĉo. Vidu la bildon.

R i m i n i – Italio 1970. Tre belaspekta nete farita insigno el orkolora tombako, emajlita blue /la maro kaj ĉielo/ kaj verda E.stelo. La teksto: Rimini 22-a Esperanto kongreso de IFEF – 16.-22.majo 1970. Broĉo.

H u d d e r s f i e l d – Britio. La kluba insigno el orkolora metalo riĉe ornamita. Meze verda E.stelo sur blanka floro, supre du nigraj ŝafoj. Sur la verda rubando troviĝas la teksto: Paco, amo, amikeco, frateco /huddersfield/ En la mondo venis nova sento. Broĉo.

W e r f e n w e n g – Aŭstrio 1973. Rondforma metala insigno por la partoprenantoj de la Esperanto Skisemajno 1973 en Aŭstrio. Emajlita. Meze verda E.stelo kun skioj, en fono neĝblankaj montoj kun helblua ĉielo. Presita okaze de la 14-a IFES. Broĉo.

La sama insigno estis presita ankaŭ kun teksto en la germana lingvo: Linzer Esperanto Achiwoche 1973, L.E.S. en nigra fono.

B u d a p e s t – Hungario. Depost la jaro 1972 la E.kluboj en Budapest ĉiujare aranĝas la tiel nomatajn Vintraj ferioj. Tiucele estis presita rondforma insigno

el tombako kun la teksto en ruĝa fono; Vintra esperantista ferio - Budapest. Meze blanka neĝfloketo kun la verda E.stelo. La jaro neindikita, ĉar la sama insigno estas uzata ĉiujare. Broĉo.

T y r e s ö - Svedio 1969. Por la 25-a Internacia Junulara Kongreso en Tyresö 1969 estis farita rondforma duonplasta insigno kun simbola ventumilo. La surpreso verda. Pinglo.

++++++++++++++++++++++

N I A J   A N O N C E T O J ................

S'ro R.MELO , 34 Avenue de Russie F.03700 BELLERIVE S/A. Francio . kolektas tutajn kovertojn kun elektronikaj markoj el la landoj kie oni apartigas la poŝtaĵojn pere de elektronika tekniko , interŝanĝe povas sendi la samajn el Francio, Germanio , Belgio kaj uzitajn PM el tutmondo .

Interŝanĝas ankaŭ PM pere de nuromenditaj leteroj bazo Yvert 77 aŭ peco por peco , akceptas sendaĵojn je 50/150 malsamaj ne tro ordinarajn .

++++++++++++++++++++++++++++++++++++++++

N O V A J   S T A M P O J

Tutaĵo kun stampo 26-a Hungarlanda Esp-kongreso
76. VI.26 Loko nelegebla.
" 9-a Internacia renkontiĝo Naturamika IREN
1976-VII-18 Abaliget.
Fervojista Renkonto Esperanto 1976 Szeged.
dato nelegebla.
49-a SAT-kongreso Gotenburgo 24-07 - 31-07 1976 havebla ĉe la prezidanto kontraŭ 2 rkp aŭ egalvaloro.
28-a IFEF-kongreso en Skellefteå, Svedio.
Uzu la servon de nia Stampa Banko::
Werner Heimlich, Fröbelstr. 4 D-3040 SOLTAU

LA ESTRARO: Esperanto-Ligo Filatelista - AREK.
Prezidanto: Ivar Paulsson, Algatan 3. S-171 33 SOLN
Vic-prezidanto: Werner Heimlich, Fröbelstrasse 4
D-3040 SOLTAU.

Jarkotizo: 10 rkp aŭ egalvaloro, sendita al la prezidanto.

0000000000000000

Bilanco de ELF ĝis 1976-03-31.

| | |
|---|---|
| Enspezoj | 469,92 DM |
| Elspezoj | 448,58 DM |
| Bonhavo 76-03-31.. | 21,34 DM |

La elspezoj entenas la kotizojn al UEA 1975, 1976.

W. Heimlich.

Bilanco de AREK 1976-01-01

| | |
|---|---|
| Enspezoj, kotizoj ktp..... | 370 rkp. |
| Elspezoj Fenikso ktp..... | 290 rkp. |
| Bonhavo 1976-01-01 | 80 rkp |

I. Paulsson.

QQQQQQQQQQQQQQQQ

Esperanto-balono: Stampo kaj koverto kun pm.
ESZ, c/o F. Liechti, Carl Spittelerstr. 167.
CH-8053 Zürich.
Eldonkvanto 3000 ekz. kosto: 10 rkp.

QQQQQQQQQQQQQQQQQ

INTERPHIL 76. Raportis Paul J. Mimlitsch, Usono
Je 1976-05-29 -1976-06-06 okazis en urbo Philadelphia, "Interphil 76", mi nur povis iri tien dum la lasta tago, kaj restis nur dum 2 horoj. La kolektoj, kiujn oni elmontris, estis bele preparitaj. Ankaŭ elmontritaj la "plej raraj poŝtmarkoj kaj kovertoj e la tuta mondo", sed en starvico por rigardi ilin estis proksimume 300 metroj longa: do mi ne vidis ilin. Multaj vendistoj estis tie, sed ĉio kostis tro

mu?te por mi. Pli ol 30 naciaj poŝtaj servoj havis ludojn tie. En la usonan, mi aĉetis serion de pm en 4 memorfolietoj por mia kolektoaĵi kostis 4 US-dol. Ankaŭ oni povis aĉeti unuatagkovertojn tio, sed oni ne povis enkestigi la kovertojn. La UTK kostis 0,75 US-dol. Mi mem ne havis sufiĉe da mono por aĉeti. For la ekspozicio, la sveda poŝta servo eldonis 2 pk. La unua montras pm el Usono, eldonita 1926, kaj sveda pm eldonota 1976-10 por honori svedan inventiston, kiu translokiĝis al Usono en 1839. Li inventis la ŝipan pelhelicon kaj aliajn maŝinaĵojn. La 2-a pk memorigas svedan enmigrantaron, kiuj hejmigis en ŝtato Illinois, Usono 1846.

P. M.

//////////////////////////

S-171 33 Solna 1976-08-22

Karaj Gekolektantoj, membroj de ELF kaj AREK!

Ni nun tralegis nian gazeton, la unua kun la kunligita nomo " la verda lupeo - Fenikso", mi kiel gvidanto de nia Ligo kun granda peno, fine almenaŭ provizore solvi la problemon pri informilo. Do la apero de la gazeto ankaŭ tenas pri via kunhelpo por fari ĝin interesa, vi diru vian opinion, kaj ankaŭ kunhelpi redakti ĝin. Mi mem petas pardonon pro tio ke mi ne antaŭe solvis la problemon, sed do mi aktive organizis la 49-an SAT-kongreson en Svedio, ne restis horojn liberajn. Mi ankaŭ ekspoziciis mian kolekton de E-aĵoj dum la kongreso.

Jam en oktobro ni intencas eldoni la venontan numeron kun listo de ĉijaraj stampoj ktp.

Mi esprimas la dankon al amiko R. Melo, kiu surprenis la taskon redakti la gazeton.

Helpu lin, sciigu la novaĵojn al li.

Amike via Ivar Paulsson

/Ivar Paulsson/

Prez.